## Lernejo kaj instruisto en Saksujo.

De *Felix Uhlmann*, instruisto en Chemnitz (Saksujo-Germanujo).

Kiu en Saksujo volas fariĝi instruisto, devas viziti unu el la seminarioj. Ekzistas 22 seminarioj por viroj, 3 por virinoj, 2 estas konstruataj; ĉiuj estas ŝtataj. La estontaj instruistoj venas plej ofte el la 8klasaj mezaj popollernejoj, kiuj troviĝas en urboj kaj grandaj vilaĝoj, nur malmultaj el la 4- aŭ 6klasaj malaltaj vilaĝlernejoj. En ekzameno (akcept-ekz.) ili devas pruvi skribe kaj parole, ke ili posedas la sciadojn kaj lertecojn, kiujn la popollernejo instruis ilin: Ili devas verki sen ia ajn helpo germanan artikolon pri ia ajn temo, kaj ili devas solvi diversspecajn taskojn el la kalkula kaj geometria instruado. La parola provo etendiĝas pri la ceteraj fakoj de la popollerneja instruado, krom tio pri la latina aŭ franca lingvo. Plie estas tre dezirinde, ke la aspirantoj povas ludi fortepianon kaj violonon kaj povas kanti bone kaj certe. Ĉiuj seminarioj estas internulejoj, la instruado estas senpaga, la lernantoj pagas nur 175 markojn (87. 5 Sm.) por loĝejo, manĝado, ktp. La edukado estas tre severa kaj monaĥeja, la tage libera tempo ne sumiĝas eĉ tri horojn.

Dum la unuaj 3 jaroj la instruado estas nur scienca, en la 4a jaro komencas la profesia informado: La lernantoj estas enkondukataj en la pedagogie-etikajn fakojn, ekzemple psikologio, ĝenerala kaj speciala metodiko, edukadscienco, etiko, krom tio komenciĝas praktikaj ekzercoj instrui infanojn. Tio ĉi okazas tiel, ke la lernantoj grupe vizitas dum kelkaj semajnoj iun ajn fakon en la „seminaria ekzerco-lernejo“ kaj parte mem devas instrui. La venontaj instruistoj dediĉas sin ankaŭ al la muziko plej fervore: al la orgeno-, fortepiano- kaj violonludo, al la kantado miksata kaj virĥora. Escepte la kanton estas ja la muzikinstruado laŭvola.

Ĉiun Miĥaelon kaj Paskon estas skribaj provoj, plej ofte pri 2 aŭ 3 fakoj, kiujn antaŭe la lernantoj ne scias. Paske okazas krom tio ankoraŭ parola ekzameno. Kelkaj seminarioj akceptas duoblajn klasojn, en kiuj la lernantoj de la unu d e v a s lerni la latinan, la lernantoj de la alia la francan lingvon, la konforman alian lingvon ili p o v a s lerni laŭvole. — Entute la seminarioj elsendas ĉiujare ĉirkaŭ 600 junajn gekolegojn en la Saksan landon.

La 6 jara studotempo estas fermata por la ekzameno de matureco. Dum 10 tagoj la kandidatoj devas verki pedagogian artikolon kaj lecionon pri religia temo. La skriba ekzameno etendiĝas pri la latina lingvo, realaĵoj, matematiko kaj harmonioscienco, daŭre po 4 horoj; krom tio ili devas montri, kion ili efektive povas

gimnastike, desegne, kaligrafie kaj muzike. La parola provo daŭras ankaŭ 4 horojn kaj ampleksas ĉiujn ceterajn fakojn. Fine sekvas 2 lecionoj pri religio kaj unu alia fako.

La forlasitaj junaj viroj estas sendataj per la kultministrejo kiel helpinstruistoj al unu distriktinspektoro; tiuj ekzistas en Saksujo 31. Tiu ĉi distribuas ilin en sia distrikto al la oficoj, Paske liberfariĝintaj. Pli antaŭe la ministrejo konsideris la lokon de la seminario aŭ la loĝejo de la rilata helpinstruisto, sed nun ne plie; tial ofte okazas, ke seminariisto el la okcidenta Saksujo fariĝas helpinstruisto en la oriento de sia patrujo; sed tiu ĉi uzo estas pli profito ol malgajno por la juna kolego. Estante estas bedaŭrinde granda manko je la oficoj por helpinstruistoj, ke ofte el 25 aŭ 50 kandidatoj nur 7—10 tuj Paske ricevas okupadon. Mi volas ankoraŭ rimarki, ke la granda parto de junaj kolegoj servas unu jaron en militistaro. — Ankoraŭ en la jaro 1904 estis manko je la instruistoj, ke tiam pli ol 100 lernantoj de la unua (plej supera) klaso seminaria estis sendataj en landon kiel vikarioj. La manko havis sian kaŭzon en la enkonduko de la unujara militista servado; antaŭe la instruistoj estis militistoj nur kelkfoje dum 8 semajnoj. Tro rapida konstruado de novaj seminarioj kaŭzis la nuntempan mankon je la oficoj. Plibonigon alportos certe nur la venonta leĝo pri la popollernejoj, kiu post 2 jaroj estos konsilata en la „Saksa Landtag“, nome per plimalgrandiĝo de la klasoj, plimalmultiĝo de la devighoroj instruataj.

La salajro de la helpinstruistoj sumiĝas en unua jaro 450, en dua 500 kaj en lasta (tria) 550 Sm kun libera loĝejo kaj hejtmaterialo aŭ egala monkompensaĵo. La nomita salajro estas la plej malgranda, la urboj kaj grandaj vilaĝoj pagas (plej ofte) iom pli multe. La helpinstruantoj laboras plej ofte ĉe 4- aŭ 6klasaj lernejoj kaj instruas la mezajn klasojn; ili devas instrui 32 horojn. La nombro de la infanoj en la klasoj estas tre diversa, ĝi ŝanceliĝas inter 25 kaj pli ol 60. En ĉiuj distriktoj okazas konferencoj de la helpinstruistoj, prezidataj de la distriktinspektoro aŭ direktoro. En kelkaj regionoj okazas nur 2—3, en la plej multaj 9—10 konferencoj jare. La programo estas jena: leciono, kritiko pri ĝi, priparolado pri pedagogia verko, pri la leĝo por la popollernejoj, fine sekvas praktikaj spertoj. La konferenco daŭras ofte de la dua ĝis la sesa posttagmeze.

Aŭtune de la tria jaro (aŭ la dua, kiu dum la tria jaro devas esti militisto) okazas la dua ekzameno, la ekzameno de kapableco. La kandidatoj devas verki dum 3 semajnoj pedagogian artikolegon kaj lecionon pri religia temo. La skriba provo daŭras

4 horojn kaj etendiĝas je 3 fakoj, kiuj en ĉiu sekcio estas aliaj. Ankaŭ la parola kaj praktika ekzameno similas la ekzamenon de matureco, nur la provantoj postulas pli, precipe pri la pedagogiaj-etikaj fakoj.

Kiu faris plensukcese la duan ekzamenon, povas serĉi oficon kiel definitiva instruanto. La salajro sumiĝas komence 750 Sm, poste po 3 jaroj ĝi pligrandiĝas sesfoje je 100 Sm. kaj dufoje je 75 Sm., tiel ke post 24 servjaroj oni atingas 1500 Sm., krom tio ankoraŭ liberan loĝejon aŭ monkompensaĵon. Ankaŭ tiu ĉi salajro estas la plej malgranda, la urboj kaj grandaj vilaĝoj pagas iom pli, ekzemple la urbo Chemnitz 800—2200 Sm., sed sen libera loĝejo.

## La popola lernejo en Kroatujo.

De *Jos. Anschau*, inspektoro en Osiek (Kroatujo.)

La popola lernejaro en Kroatujo estas aranĝita laŭ la leĝo de 1888.

Por la edukado kaj instruado de junularo ekzistas malpli-altaj kaj pli altaj lernejoj.

Malplialtaj lernejoj estas aŭ publikaj komunumaj aŭ konfesiaj aŭ privataj, laŭ tio, ĉu ili estas fonditaj kaj subtenataj de komunumoj, ĉu konfesiaj sektoj, ĉu privatuloj. Instruado en la publika lernejo estas senpaga. La instruadlingvo sin direktas laŭ la plimulto de lernantoj, sed la kroata lingvo estas instruadfako por ĉiuj lernejoj. Planojn por la instruado kaj lernolibrojn ordonas la registaro.

En la fino de ĉiu lernejjaro okazas publika ekzameno, post kiu sekvas dumonata libertempo.

La konstruaĵoj de lernejoj devas stari en loko sana, malseka kun ĉambroj lumaj kaj ventumeblaj. Apud ĉiu lernejo estas lerneja ĝardeno por ekzercado pri kulturado de fruktarboj, legomoj kaj floroj, gimnastikejo aŭ almenaŭ ludejo.

La bezonaj benkoj kaj alia lerneja meblaro estas faritaj laŭ la planoj eldonitaj de la registaro.

Kiel helpiloj por la instruado ĉiu lernejo posedas diversajn bildojn, terglobojn, geografian karton, kalkulilon. La instruado en la popola lernejo daŭras kvin jarojn. Poste la infanoj estas devigataj viziti ankoraŭ la ripetadlernejon, kie instruado estas trijara.

Plej multaj estas lernejoj kun unu instruisto, kiu instruas infanojn de 5 diversaj aĝoj. La ofico de tia turmentulo estas tre malfacila.

Ekzistas lernejoj kun 2, 3, 4 kaj pli da personoj. Ĉiu instruisto instruas en aparta ĉambro. La maksimumo por unu instruisto estas 80 infanoj. Se tiu nombro plialtiĝas, stariĝas kiel la dua instruistpersono instruistino por virina manlaboro kaj mastrumaĵo, kio estas utilaj instruadfakoj por knabinoj. Poste laŭbezone ankaŭ la tria, kvara k. t. p.

La instruistoj devas esti samreligiaj kiel la plimulto de lernantoj.

Ĉe la lernejoj kun du aŭ pli multe da instruistoj la registaro nomas unu el ili kiel direktanta instruisto kiu respondas por la ordo kaj progreso de la instituto kaj faras administrativajn laborojn.

La komunumajn lernejojn fondas la komunumoj. La registaro helpas tiun entreprenon, kie mankas la rimedoj. En ĉiu loko kun 40 infanoj, kapablaj por lernejvizitado, oni fondas popolan lernejon.

Malriĉaj lokoj malfermas komune unu lernejon. Krom la salajro apartenas al ĉiu instruisto loĝejo kun bruladlignaĵo kaj ĝardeno, kaj tie, kie ne estas eble, loĝejmono.

Malriĉaj lernantoj ricevas senpage la lernolibrojn kaj aliajn necesaĵojn de la komunumo. La lernejvizitado en Kroatujo estas deviga. La enskribo de infanoj okazas ĉe la apudesto de speciala komisio. Kontraŭ la gepatroj, kiuj ne sendas siajn infanojn en la lernejon, estas uzataj severaj monpunoj.

Koncerne lernejvizitadon regas tamen granda libereco. La gepatroj povas sendi la infanojn kiu ajn lernejon, eĉ ili povas instruadi ilin private, sed en tiu okazo la infano devas fari poste ekzamenon ĉe iu publika lernejo.

## Tria internacia kongreso por la familia edukado de la infano.

okazos en Bruselo la 21.—25. de aŭgusto 1910 *sub la honora prezido de* barono Descamps, ministro de sciencoj kaj artoj; Solvay, ekssenatano, fondinto de la Instituto de socia scienco kaj de la supera komercinstituto en Bruselo; Van den Heuvel, ŝtata ministro; Renkin, membro de la deputatĉambro, ministro de kolonioj; Demot, senatano, urbestro de Bruselo; kaj *sub la prezido de* Leo de Lantsheere, membro de la deputatĉambro, ministro de justeco; Henry Delvaux, eksmembro de la deputatĉambro, provincestro de la provinco Lieĝo; Emile Dupont, ŝtata ministro, vicprezidanto de la senato.

*Ĝenerala sekretariejo:* Rubensstrato 44, Bruselo (Belgujo).

*Celo kaj graveco de la kongreso.* Gepatroj, geprofesoroj kaj agemaj personoj sentas la necesecon kunveni kaj priparoli la gravajn demandojn, kiujn naskas la verko de la edukado.

Unua okazo prezentis sin al ili per la Internacia kongreso en Lieĝo, sub la protekto de la Belga registaro. Oni ricevis 12.000 aliĝojn: 20 fremdaj registaroj estis reprezentitaj ĉe la kongreso. Pli ol 250 specialistoj sendis raportojn, kiuj estis presitaj en 8 volumoj. Du sekcioj starigis internaciajn komitatojn. En la ĝenerala kunveno la delegito de la Asocio de gepatroj el Anglujo proponis kunigi ĉiujn societojn de gepatroj kaj geedukistoj en asocion, kaj delegito de la Granda Duklando Luksemburgo proponis starigi ligilon inter la venontaj kongresoj. Tiuj proponoj kondukis al la fondo de la Internacia komisio de la kongresoj por la familia edukado.

La dua internacia kongreso okazis en Milano en 1906, sub la alta protekto de L. M. reĝo de Italujo; ĝia sukceso ne estis malpli granda ol tiu de la Lieĝa kongreso.

Tria kongreso, sub la oficiala protekto de la Belga registaro, okazos en Bruselo, en 1910, okaze de la tutmonda ekspozicio. Estas superflue insisti pri la graveco de la kongreso sub socia vidpunkto. Kiam oni volas serioze antaŭeniri, tiam oni devas komenci per la edukado en la familio. La plej multaj penadoj de la agemaj personoj restas senfruktaj, ĉar ili komencas tro malfrue; ili provas korekti difektojn, malseverigi mizerojn, rebonigi erarojn. Estus pli logika antaŭiri la nezorgecojn, kiuj kaŭzas tiujn difektojn kaj malhelpi al ili enradikiĝi.

Oni povas esperi, ke tiu tria kongreso direktos ĉiun energion al tiu senco. Ĉiuj sociaj verkoj kaj institucioj pliboniĝus disvastigante sian edukan laboradon unue en la familio. La kongreso kontentigos ĉiujn bonvolojn kaj ĉiujn opiniojn; rilate al la familio la afero ne povas estí alprenigi emojn.

*Regularo por la organizo de la kongreso.* 1. Internacia kongreso de edukado kaj de protektado de la infano en la familio okazos en Bruselo en 1910, okaze de la tutmonda ekspozicio, en la fino de la monato aŭgusto.

2. Estos kvin sekcioj: I. Studado pri la infaneco; II. Edukado de la infaneco: a) ĝeneralaj problemoj; b) edukado de la infano per la gepatroj en la familio; c) kunlaborado de la familio kun la lernejo; d) edukado en la familio post la lernejo; III. Nenormalaj infanoj; IV. Diversaj verkoj, kiuj rilatas al la infaneco; V. Dokumentado.

3. Membroj de la kongreso estas tiuj, kiuj sendos sian aliĝon kaj kotizaĵon da 10 frankoj al la organiza komitato. (Sekretariejo: 44, Rubensstrato, Bruselo, Belgujo)

N. B. Oni nur sendos unu ekzempleron de la raportoj prezentitaj al la kongreso kaj raportoj pri la kunsidoj por ĉiu pagita kotizaĝo. Sed ekzempleroj estos nur liverataj je la prezo en la librovendejo. (La raportoj formos kune 7–8 volumojn).

La administracioj, la edukadaj societoj, la protektantaj societoj kaj ĉiuj verkoj povas partopreni en la kongreso kaj sendi delegitojn al ĝi. La kotizaĵo devas esti pagita por ĉiu delegito.

Estas bonfarantaj membroj la personoj, kiuj pagas minimume 50 fr.

4. La kongreso estos direktata de la organiza komisiistaro, kiu konsistos el la prezidantoj kaj la sekretarioj de la sekcioj.

La estraro de tiu komisiistaro estos la estraro de la kongreso; ĝi estos komisiita fari ĉiujn aranĝojn por la preparo kaj funkciado de la kongreso kaj decidi pri ĉiuj okazaĵoj neantaŭviditaj en la regularoj.

La estraroj de la sekcioj faros ĉiujn aranĝojn utilajn por la efektivigo de sia programo.

5. Internacia protektanta komitato prezidos la kongreson. Kiam, en ia federacio, kelkaj personoj estas membroj de la Internacia protektanda komitato, oni povos organizi, inter ili, je la iniciativo de la kongresa estraro, unu aŭ kelkajn specialajn protektantajn komitatojn.

6. En ĉiu lando etas formita nacia komitato, komisiita por la publikigado, la varbado de la membroj kaj de la raportantoj. Tiuj komitatoj provos kolekti monrimedojn por sia propagando.

En la okazo de nesufiĉeco de la monrimedoj ili povas depreni la kostojn de la kotizaĵoj„ kiujn ili alportas. Tiuj kostoj ne povas superi 20% de la kotizaĵoj. Ĉiu komitato elektas prezidanton, kasiston kaj sekretarion.

Tuj kiam grupo da personoj interesiĝas pri la bona sukceso de la kongreso, la estraro povas organizi ilin kiel specialan propagandan komitaton, agadan komitaton, ktp.

Tiuj komitatoj povas interdividiĝi en sekciojn respondantajn kun la sekcioj de la kongreso.

7. Por la raportoj kaj priparoladoj oni uzos la francan, nederlandan, germanan, anglan, italan aŭ hispanan lingvojn. Ĉiu raporto devas esti akompanata de resumo da ne pli ol 20 linioj kaj la parolantoj devas transdoni resumon de siaj paroladoj al la estraro de la sekcioj.

8. La raportantoj devas limiĝi nur klarigi la demandon, konigi la praktikajn rimedojn aplikajn kaj fini per konkludoj aŭ deziroj submetotaj al la kongreso. Ili ne povas enhavi pli ol 5 paĝojn en 8⁰, tiu estas maksimumo da proksimume 2.000 vortoj. La komunikaĵoj, kiuj ne estas destinitaj por la priparolado, oni povas aldoni al la raportoj pri la kunsidoj, se ili ne superas 1000 vortojn.

La raportoj kaj komunikaĵoj devas doni precipajn bibliografiajn informojn, kiuj koncernas la priparolitan demandon.

La raportantoj estas petataj konservi la originalan manuskripton de siaj raportoj kaj nur sendi tre legeblan kopion (prefere maŝine skribitan).

9. La estraro de la kongreso decidas pri la alpreno de la raportoj kaj komunikaĵoj. Kiam kelkaj raportoj pritraktas la saman demandon, oni povas elekti ĝeneralan raportanton por tiu demando. Ĉio, kio ne rilatos rekte la programon de l' kongreso, estos nepre forigita.

10. Ĉiu diskuto pri la fundo de politika, filozofia aŭ religia demando estas malpermesita.

11. La raportoj, antaŭe presigotaj, devis alveni al la estraro de la internacia kongreso antaŭ la 1-a de decembro 1909. La poste alvenintaj raportoj povas esti legataj aŭ resumataj dum la kunsidoj kaj resume esti enmetitaj en la protokolojn.

La propraĵo de la raportoj kaj decidoj apartenas al la kongreso; la estraro rezervas por si la rajton presigi ilin tute aŭ resume.

12. La deziroj alprenitaj en la sekcioj, estas submetataj al la aprobo de la ĝenerala kunsido. Tiu ĉi alprenos aŭ forĵetos ilin, sen ke oni povas malfermi priparoladon pri ilia enhavo. Ĉiu peto por priparolado en la ĝenerala kunveno estos forĵetita.

*Programo de la kongreso.*

Organizaj komitatoj de la sekcioj.

N. B. — La raportantoj estas petataj korespondadi kun la sekretarioj de la sekciaj komitatoj.

*I. Sekcio. — Studado pri la infaneco.* Prezidantoj: S-ro Corman, ĝenerala direktoro de la unuagrada instruado ĉe la ministraĵo de Sciencoj kaj Artoj, Bruselo. — S-ro Van Biervliet, profesoro ĉe la universitato, Gento. — Korespondantaj sekretarioj: S-ro Jules Renault, Prekelindenstrato, Woluwo—S-t. Lamberto, Belgujo. S-ro Pol Anri, Gasthuislaan 137, Gento.

1. Studado pri la kvalitoj, difektoj, inklinoj de la infanoj. Novaj observoj, metodoj, praktikaj konkludoj. – 2. Mezuradoj de la korpo. Iloj, metodoj, rezultoj. – 3. Valoro de la diversaj metodoj por determini la lacecon de la spirito. – 4. Fakoj, kiuj plej malmulte lacigas la infanojn. Daŭro de tiuj fakoj; ordo, laŭ kiu la fakoj devas esti instruataj. – 5. Limigo de la kvieteco, kiel en la lernejo tiel en la hejmo, por la diversaj aĝoj. – 6. Konatiĝo de la instruistaro kun la ideoj de la eksperimenta psikologio. Plej praktika formo. — 7. Utilo de la studado pri la infaneco por la gepatroj. Demandaroj, ktp. — 8. Timo ĉe la infanoj (ĝeneralaj enketoj, unuaj kaŭzoj.) — 9. Memmortigo de infanoj (kaŭzoj kaj kuraciloj, enketoj kaj statistikoj, priparolado pri kelkaj okazintaĵoj). — 10. Heredaj difektoj. Rimedoj por malhelpi iliajn malutilajn konsekvencojn. – 10a. Diversaj komunikaĵoj.

*II. Sekcio. — Edukado en la familio.*

*A) Ĝeneralaj demandoj.* Prezidantinoj: S-ino Lucie Felix-Faure-Coyan, 12, Pierre Charron strato, Bruselo. — S-ino de Traux de Wardin, 42, Regentlaan, Bruselo.

Korespondanta sekretario: S-ro Sengers, ĉefinspektoro en Haselto.

11. Neceseco diskonigi precizajn ideojn pri edukado en la familoj, per la organizado de asocioj de gepatroj, la publikigado de broŝuroj, ktp. — 12. Infanludoj, amuzaĵoj kaj plezuroj rilate al la edukado. — 13. Libroj pri edukado. Rezonitaj nomaroj de la plej bonaj albumoj por infanoj de 3 ĝis 7 jaroj; de la plej bone ilustritaj por infanoj 7 ĝis 12 jaraj; de 12 ĝis 16 jaraj; de 16 ĝis 20 jaraj. – 14. Kiel la familio povas kunhelpi al la civila edukado de la junularo. — 14a. Kiel la familio povas kunlabori al la instigo de la mondpaco. – 14b. Kiel la familio povas kunhelpi al la morala edukado. — 15. Kiel la familio povas kunhelpi per la edukado al la etendiĝo ekonomia. — 16. Neceseco de la studado de vivantaj lingvoj. Metodoj. – 17. Studado en la familio de la infanaj inklinoj, pri la malvolviĝo de tiuj ĉi inklinoj rilate al la elekto de profesio. — 18. Higieno kaj beleco de vestaĵaro. – 19. Higieno, komforteco kaj beleco de la loĝejoj, de la meblaro. – 20. La eksterurba familio. Terkultura edukado. Reveno al la kampara vivo. Profitoj de la vivo en la kamparo. — 20a. Diversaj komunikaĵoj.

*B) Edukado antaŭ la lernaĝo.* Prezidantoj: S-ro Velghe, ĝenerala administranto de la higiena fako, ĉe la ministraĵo de terkulturado, Bruselo; — S-ro barono de Royer de Dour, distrikta komisaro, Guimardstrato, 44, Bruselo.

Korespondanta sekretariino: F-ino Van den Plas, 43, Jan Lindenlaan, Bruselo.

21. Nutrado dum la unuaj jaroj. Praktikaj konsiloj. — 22. Vestado dum la unuaj jaroj. — 23. La edukado de la sencorganoj de la junaj infanoj. – 23. Unuaj kutimoj, kiujn oni devas akirigi. 24. Eklernigado de la unuaj kutimoj. – 25. Ludoj, kiuj malvolvigas la kvalitojn de la infanoj. – 26. Lernigaj okupoj por la infanoj. — 27. Malvolvigo de la observa povo. — 28. Malvolvigo de la iniciativo, de la respondeco. – 29. Ordigado de la ĉambro por la infanoj aŭ de la loĝejo rilate al la edukado de la infano. – 30.

Geservistoj, infanistinoj, guvernistinoj. Specialaj edukaj lernejoj por ili. Atestoj pri kapableco. — 30a. Diversaj komunikaĵoj.

*C. Edukado dum la lernaĝo.*

N. B. — La raportantoj stariĝos laŭ la vidpunkto de la kunlaborado de la gepatroj al la lerneja laboro.

Prezidantoj: S-ro Sosset, honora inspektoro de la normalaj lernejoj, Venetiestrato, Elsene (apud Bruselo). — F-ino Linniau, direktorino de normala lernejo, 36, Berlaimontstrato, Bruselo.

Korespondanta sekretariino: F-ino R. Boreux, rue Bovy, 14, Lieĝo.

31. Je kia aĝo la infanoj povas esti senditaj al la lernejo. — 32. Okazoj, en kiuj la gepatroj devas praktikigi hejme la Froebel'ajn regulojn. Okazoj, en kiuj la Froebel'a instruado devas esti donita en la lernejo. Deziroj de la gepatroj koncerne la Froebel'ajn lernejojn. — 33. Mankoj en la lernejo rilate al la edukado. Kiel plenigi tion en la familio. — 34. Deziroj de la gepatroj rilate al la programoj de la lernejoj por knabinoj. Graveco de la instruado de konoj pri infanedukado, higieno, hejma ekonomio kaj de aliaj konoj necesaj en la praktika vivo. — 35. En la okazo, ke edukejo estas necesa por la junulinoj, kiel aranĝi ilin por doni kiel eble plej multe familian kaj praktikan karakteron al ilia edukado. — 36. Deziroj koncerne la formadon de geedukistoj. — 47. Epokoj por ekzamenoj kaj libertempoj, laŭ diversaj regionoj de sama lando. Konsidero kun la kuracistoj. — 38. Kiel oni povas dediĉi pli grandan parton en la lernejo al la karaktero. — 39. La edukado per manlaboro. — 40. Disvolviĝo de la amo al la beleco. — 40a. Diversaj komunikaĵoj.

*D) Edukado post la lernaĝo.*

Prezidantoj: S-ro Prum, deputato en Clervaux, Granda Duklando Luksemburgo. — S-ino grafino Maria de Villermont, Couvin (Belgujo).

Korespondanta sekretario: S-ro Wauters, direktoro de la lernejo por terkultura ekonomio en Bouchout (apud Antverpeno).

41. Plenigaldona edukado donota al la junulinoj por prepari ilin al ilia tasko de edzino kaj patrino. — 42. Preparo de la gefianĉoj al morala kaj spirita kunigo. Konsiloj por eviti malkonsentojn, plifortigi la moralan unuecon kaj certigi la feliĉon de la geedzoj kaj de la familio. — 43. Plenigaldona edukado de la junuloj laŭ socia vidpunkto. — 44. Plenigaldona formado de la amo al la beleco. — 45. Manlaborado en la hejmo por la knaboj. Profito por bonfarto kaj moraleco. — 46. Ĉeestado de edukaj vesper-kunvenoj. — 47. Vojaĝoj, ekskursoj; sekvontaj metodoj. — 48. Edukado al administracia laboro. — 49. Internacia interŝanĝado de infanoj por plifaciligi la studadon de fremdaj lingvoj kaj konigi la morojn kaj kutimojn de iliaj landoj. — 50. Diversaj komunikaĵoj.

*III. Sekcio. — Nenormalaj infanoj.*

Prezidantoj: D-ro Demoor, profesoro ĉe la universitato en Bruselo, 61, Belliardstrato. — S-ro Proost, fondinto de la „Ligue de l' Education familiale“ (Ligo por la familia edukado), 18, rue de l' Arbre Bénit, Bruselo.

Korespondanta sekretario: S-ro Tobie Jonckheere, 36, Waschhuisŝtrato, Bruselo.

51. Ordigo, statistikoj. — 52. Metodo de edukado. Neceseco starigi specialajn edukejojn por nenormalaj infanoj, por maldisciplinemaj infanoj, por kriplaj infanoj, por neprizorgitaj infanoj, por infanoj epilepsiaj. – 53. Preparo kaj formado de specialaj instruistoj por tiuj lernejoj; neceseco de edukad-kuracista kunlaborado. — 54. Kiom kaj kiel oni povas kunlabori en la familio al la edukado de nenormalaj infanoj, antaŭ, dum kaj post la lernaĝo. — 55. Enmiksiĝo de la ŝtato en la edukado de nenormalaj infanoj. – 56. Diversaj informoj.

*IV. — Sekcio. Diversaj verkoj, kiuj rilatas al la juneco*

N. B. – Oni speciale ekzamenos la edukan flankon de tiuj verkoj, la sekvontajn metodojn, ktp.

Prezidantoj: S-ro Dejace, profesoro ĉe la universitato, Lieĝo. — S-ro Campioni, kantona juĝisto, rue du Monastère, Bruselo.

Korespondanta sekretario: S-ro Borginon, advokato, 58, Dupontstrato, Bruselo.

61. Libertempaj restadejoj, liberaeraj lernejoj; verkoj por kuracado per la aero. – 62. Federacioj kontraŭ la tuberklozo. -- 63. Federacioj kontraŭ la malsobreco. – 64. Federacioj por la protektado de la infan-martiroj, de la neprizorgitaj infanoj, de la neleĝaj infanoj, ktp. – 65. Federacioj por la protektado de la unua infaneco; havigado de infanvestaĵaroj; havigado de lakto; infanetejoj, medicinaj advizoj pri suĉinfanoj, ktp. – 66. Infana mutualismo. – 67. Asekuro je la vivo de la infanoj. – 68. Juĝejoj por infanoj. – 69. Diversaj komunikaĵoj.

*V. Sekcio. — Dokumentaro.*

Prezidantoj: S-ro C. Van Overbergh, ĝenerala administranto de la supera instruado ĉe la ministraĵo de Sciencoj kaj Artoj en Bruselo. — S-ro Mabille, administranto de la publika instruado kaj de belartoj ĉe la komunuma administraĵo, Bruselo.

Korespondanta sekretario: S-ro Rouvez, oficejestro ĉe la ministraĵo de Sciencoj kaj Artoj, Bruselo.

Libroj, pedagogiaj revuoj, lernejaj bibliotekoj; popolaj bibliotekoj; publikaj legejoj. – N. B. La biblioteko de la Internacia komisiistaro de edukado, 1, Museumstrato, Bruselo, estos feliĉa ricevi trioble ĉiujn dokumentojn pri edukado.

Raportas *Johano Jacobs*, Antverpeno (Belgujo).

* * *

*En geografia leciono instruisto ordonis al la knabo, ke li citu 3 faktojn pri rivero Rejno. La kleruleto rakontis: „Mi loĝis iam ĉe la bordo de Rejno; mi transveturis Rejnon; mi falis en Rejnon; tio estas faktoj pri Rejno". -- Oni senkompate trabastonis tiun junan geografiiston, sed ĉu li tion meritis?*

*J. W. Eggleton.*

## La statistika paĝo.

Salajrogradoj de la instruistaro en Nieder-Österreich (Malsupra Aŭstrio), escepte la ĉefurbon Wien. (Laŭ la leĝo de 25. XII. 1904).

| Grado / Signo laŭ la leĝo de 25. XII 1904. | Signo laŭ la instruista skemo | Kategorio | Salajro (jaro) en aŭstriaj kronoj | Salajro (jaro) en spesmiloj | Aldono post ĉiuj 5 jaroj en aŭstriaj kronoj | Aldono post ĉiuj 5 jaroj en spesmiloj |
|---|---|---|---|---|---|---|
| I | Ia<br>Ib<br>Ic | Direktoroj kaj instruistoj en burĝalernejoj *I. Klaso.* | 2400<br>2200<br>2000 | 1000<br>916·66<br>833·33 | 200 | 83·33 |
| II | IIa<br>IIb<br>IIc | Direktorinoj kaj instruistinoj en burĝalernejoj *I. Klaso.* | 2200<br>2000<br>1800 | 916·66<br>833·33<br>750·00 | 100 | 41·66 |
| III | IIIa<br>IIIb<br>IIIc<br>IIId | Ĉefinstruistoj kaj instruistoj en popollernejoj *I. Klaso.* | 2200<br>2000<br>1800<br>1600 | 916·66<br>833·33<br>750·00<br>666·66 | 100 | 41·66 |
| IV | IVa<br>IVb<br>IVc | Ĉefinstruistinoj kaj instruistinoj en popollernejoj *I. Klaso* | 2000<br>1800<br>1600 | 833·33<br>750·00<br>666·66 | 100 | 41·66 |
| V | Va<br>Vb | Geinstruistoj en burĝalernejoj. *II. Klaso.* | 1600<br>1400 | 666·66<br>583·33 | Instruist. 200<br>Instr.-inoj 100 | Instruist. 83·33<br>Instr.-inoj 41·66 |
| VI | VI | Geinstruistoj en popollernejoj *II. Klaso.* | 1200 | 500·00 | 100 | 41·66 |
| — | P | Provizoraj geinstruistoj en popollernejoj. *II. Klaso.* | 1000 | 416·66 | — | — |
| — | HL | Instruistinoj por instruado de virinaj manlaboroj en burĝalernejoj. | 400<br>*500<br>*600 | 166·66<br>208·33<br>250·00 | — | — |
| — | HL | Instruistinoj por instruado de virinaj manlaboroj en popollernejoj | 300<br>*400<br>*500 | 125·00<br>166·66<br>208·33 | — | — |

* Plialtigo de l' salajro — por instruistinoj de virinaj manlaboroj — okazas post ĉiuj 10 jaroj.

***Loĝeja kompenso de la instruistaro en Nieder-Österreich, escepte la ĉefurbon Wien.*** (Laŭ la leĝo de 25. XII. 1904.)

Senpagan loĝejon aŭ 30 % loĝkompenson — kalkulatan laŭ la plej malmulta jara salajro de la rilata kategorio — ricevas direktoroj kaj direktorinoj en burĝalernejoj, ĉefinstruistoj kaj ĉefinstruistinoj en lokoj enhavantaj malpli ol 10.000 loĝantoj. En lokoj, enhavantaj 10.000 ĝis 15.000 loĝantojn, la loĝkompenso

estas 500 K (208·33 Sm), en lokoj kun pli ol 15.000 loĝantoj 600 K (250 Sm).

Jaran loĝkompenson ricevas la kategorioj I. ĝis VI., nome:

*A*) la kategorioj I. kaj III. ricevas:

| | | |
|---|---|---|
| en lokoj kun malpli ol 1000 loĝantoj | 160 K | (66·66 Sm) |
| „ „ „ 1.000 ĝis 2.000 „ | 220 K | (91·66 Sm) |
| „ „ „ 2.000 „ 4.000 „ | 280 K | (116·46 Sm) |
| „ „ „ 4·000 „ 6.000 „ | 340 K | (141·66 Sm) |
| „ „ „ 6 000 „ 10.000 „ | 400 K | (166·66 Sm) |
| „ „ „ 10.000 „ 15.000 „ | 500 K | (208·33 Sm) |

En lokoj kun pli ol 15.000 loĝantoj — ankaŭ en la urboj: Baden, Weikersdorf b. B., Vöslau kaj Gainfarn 600 K (250 Sm).

*B)* La kategorioj II. kaj IV. ricevas:

en lokoj kun malpli ol 2.000 loĝantoj 160 K (66·66 Sm).
„ „ „ pli „ 2.000 „ sed malpli ol 5000 loĝ. 200 K (83·33 Sm)
en lokoj kun pli „ 5.000 „ kaj en la urboj: Vöslau kaj Gainfarn 240 K (100 Sm).

*C*) La kategorioj V. kaj VI. ricevas:

en lokoj kun malpli ol 5000 loĝantoj 120 K (50 Sm)
„ „ „ pli „ „ „ kaj en la urboj: Vöslau kaj Gainfarn 180 K (75 Sm).

*Alois Halamasek*, instruisto en Unter-Themenau (Aŭstrio).

## Internacia Asocio de Instruistoj (I. A. I.)

**Protokolo pri la kunvenoj de I. A. I. dum la kongreso en Barcelona.**

La unua kunveno okazis je la 8. septembro ĉe la Paraninfo de la universitato. La kunvenintoj estis malmultaj, ĉar la anonco ne estis sufiĉe konata. Unue prezidis s-ro Durieux el Lille (Francujo), sekretario de I. A. I. kaj poste f-ino Chalmot el Germanujo, vicprezidantino de la sama societo. Estis nomita sekretario de la kunvenoj s-ro Albagés el Vich (Hispanujo). — S-ro Durieux bedaŭras, ke ne povas ĉeesti s-ro Čejka el Moravio, redaktoro de I. P. R., kiu per tiu revuo tiel kuraĝe laboras por nia afero. La ĉeestantoj per aplaŭdoj salutis s-ron Čejka.

F-ino Chalmot proponas, ke la geinstruistoj je la fino de la esperanta kurso povu liverigi diplomojn al la lernantoj, kiuj tion meritas. S-ro Durieux diras, ke li tion faras en Lille kaj promesas sendi diplomojn senpage al tiuj, kiuj ilin petos de li per poŝtkarto.

S-ro Navés el Vich (Hispanujo) diras, ke por pli solenigi la ekzamenojn aliaj esperantistoj el la urbo ĉeestu dum la ekzamenoj.

S-ro Bocou (Francujo) proponas, ke ni devas konigi la infanajn societojn, nomitajn „Juneco“, kiuj povas helpi nin. Ankaŭ, ke ili federaciiĝu, kiam ili estos multaj.

S-ro Durieux petas, ke nia oficiala revuo presigu la regularon de tiuj societoj. Li ankaŭ deziras, ke I. P. R. publikigu la adresojn de la societanoj por faciligi korespondadon kaj rilatojn inter la geinstruistoj*. Ankaŭ esprimas deziron kaj peton al s-ro

* Strange, ĉiu tio ĉi ne okazas en la rubriko »Adresaro por instruistoj«? — Rim. de la red.

Ĉejka, ke la revuo estu pli maldika, por ke ĝi aperu pli ofte, kio estas preferebla por varmigi la entuziasmulojn. Ĉiuj konsentas. S-ro Albagés proponas, ke kiam kaj kie la societo disvanstiĝos, oni nomu malgrandan komitaton ĉe ĉiu nacio anstataŭ nur unu konstantan korespondanton, kiu ne estas sufiĉa por faciligi la troan laboron de la ĝenerala komitato.

La ĉeestantoj interkonsentas fari alian kunvenon esperante, ke ĝi estos pli multenombra por diskuti la proponojn.

*

La 2a kunveno komencis je la 11a de la 10. septembro en la sesa ĉambro de la universitato. Prezidas f-ino Chalmot, kiu estas akompanita de s-roj Durieux kaj Albagés. Ĉeestas ĉirkaŭ 200 instruistoj kaj ankaŭ kelkaj barcelonaj neesperantistaj kolegoj, kiuj deziras saluti siajn fremdajn gekolegojn.

Unue parolas s-ro Montúa, oficiala instruisto el Barcelona, delegito de s-ro Batllés, estro de la instruado en Barcelona, kaj de s-ro López Amo, inspektoro de lernejoj. Li diris resume, ke ambaŭ estroj bedaŭras, ke ili ne povas ĉeesti al la kunveno, sed ili ambaŭ sendas al la kunvenintoj koran saluton. La parolado estis varme aplaŭdita.

S-ro Vernet, ankaŭ oficiala instruisto el Barcelona, kiel direktoro de la profesia revuo „El Clamor del Magistrio“ kaj en la nomo de siaj kolegoj el la urbo, paroladis per hispana lingvo por saluti ĉiujn per kora ĉirkaŭpreno. S-ro Albagés tradukis liajn vortojn, kiuj estis tre aplaŭditaj.

La prezidantino diras, ke la kunveno tre dankas pro tia altestima pruvo de kuneco kaj siavice sendas al la estroj kaj al la kolegoj respektan saluton de ĉiuj.

Poste s-ro Albagés legis la protokolon de la 1-a kunveno, f-ino Chalmot rediris sian proponon pri la diplomoj kaj parolis pri tio s-roj Durieux, Beuves, Nerson kaj Caron el Francujo kaj Ofruse el Nederlando. Oni interkonsentis ne starigi novan diplomon, kiun jam disdonas Internacia Instituto, sed ke la instruistoj, ne la instruantoj havu la rajton disdoni malgrandetan diplomon. La diskutado estis longa kaj fine oni aprobis unuvoĉe tiun ĉi proponon de s-ro Durieux: La instruistoj uzos la plej bonan rimedon por konduki la esperantojn ĉe la lernejoj kaj ĉe la familio. S-ro Albagés parolas pri sia propono kaj diras, ke estas utila, ke la membrokotizaĵo valoru 1·2 Sm t. e. 1 Sm por I. A. I. kaj 0·2 Sm por nacia propagando kaj monŝanĝo.

Je la 1-a postagmeze f-ino Chalmot fermis la kunsidon.

La sekretario de la kunvenoj: *Josefo Albagés.*

P. S. Akceptante inviton de la estroj kaj de la barcelonaj kolegoj la instruistoj, akompanitaj de s-roj Montúa, Llarena kaj Albagés, vizitis kelkajn unuagradajn lernejojn.

*

*Rimarko de la redakcio.* — Post tralego de la protokolo pri barcelonaj kunsidoj, faritaj en la nomo de I. A. I., oni denove povas konstati la strangan fakton, ke la vera celo kaj ankaŭ la programo de I. A. I. estas komprenataj nebone. Nia Asocio estas ja unuiĝo de profesiaj instruistoj de diversaj lernejoj el preskaŭ ĉiuj landoj de la mondo kaj tute ne la unuiĝo de instruantoj de Esperanto. Tial estas preskaŭ ridinde, se oni diskutas ekskluzive la aferojn, kiuj rilatas nur kaj nur instruadon de Esperanto.

Tiu ĉi afero ja apartenas al „Internacia Instituto de Esperanto", sed ne al „Internacia Asocio de Instruistoj!" Ĉar nia Asocio estas unuiĝo de specialistoj, profesiistoj, tial ankaŭ la kunvenoj de I. A. I. estu kunvenoj de specialistoj, instruistoj-profesiistoj kaj membroj de I. A. I. Ĉu ekzemple la esperanta unuiĝo de medicinistoj zorgas kaj diskutas en siaj kunvenoj la aferojn, kiuj apartenas en la regionon de aferoj advokataj, pastraj, muzikistaj, ŝakludistaj ktp.? Ĉu ni instruistoj — sed veraj instruistoj — ne havas sufiĉe da interesa kaj grava materialo, kiu sufiĉus plenigi la programojn de niaj kunvenoj? Kompreneble, pri aferoj instruistaj kaj pedagogiaj ne povas paroli kaj diskuti tiu, kiu ne estas instruisto – li eĉ ne povas bone kompreni la enhavon de paroladoj, kiuj koncernas similajn temojn. Se la kunvenoj de I. A. I. havos ĉiam firman programon kun la temoj, jam antaŭe zorge elektitaj, tiam estos neeble, ke iu parolu pri la afero, kiu ne taŭgas pro sia senco kaj enhavo por la kunveno de instruistoj.

* * *

*Novaj membroj* de I. A. I., kiuj aliĝis de la 21. V. 1909 ĝis la 15. VII. 1910 kaj pagis la kotizaĵon por unu jaro: a) Membroj „propaganduloj" (pagas ĉiujare almenaŭ 4 Sm): 1. Dro Mouton, Francujo (4 Sm); 2. Jacques Camescasse, Francujo (19·75 Sm). – b) Membroj ordinaraj (ĉiujare 1 Sm): 265. prof Minks, Mor., 266. Střelec, Mor., 267. Dro Mulert, Germ., 268. prof. Šváb, Mor., 269. prof. Kasalý, Mor., 270. Pohl, Boh., 271. prof. Fender, Franc., 272. Becker, Germ., 273. Vojtášek, Mor., 274. Debras, Belg., 275. Ogden, Angl., 276. Collingridge de Tourcey, Aŭstralio, 277. Currie, Angl., 278. Weir, Angl., 279. Baxandall, Angl., 280. Whiteley, Angl., 281. Jackson, Angl., 282. Behrendt, Germ., 283. Avdalovič, Hercegovino, 284. frl. Guilliaume, Belg., 285. Lange, Germ., 286. Kořínek, Mor., 287. frl. Grineva, Rus., 288. Hák, Boh., 289. Galič, Kroat., 290. Heilmann, Dan., 291. Režný, Boh., 292. Uitterdijk, Nederl., 293. Pirot, Franc., 294. s-ino Biotto, Ital., 295. prof. Fridrich, Mor., 296. van de Velde, Nederl., 297. Tomič, Stirio, 298. Klenka, Boh., 299. prof. Vlk, Mor., 300. Mareš, Mor., 301. insp. Anschau, Kroat., 302. frl. Korppila, Finl., 303. Saarinen, Finl., 304. Sehnal, Mor., 305. frl. Zatloukalová, Mor., 306. Pfaff, Germ., 307. Braunhoffner, Hung., 308. Le Séac'h, Franc., 309. Poulsen, Dan., 310. Konstantinov, Bulg., 311. Zitzke, Germ., 312. frl. Sheriff, Nova Zealando, 313. prof. Kabanov, Rus., 314. Wahlforss, Finl., 315. prof. Michel, Hisp., 316. Milosavljević, Serb., 317. Hlobil, Mor., 318. frl. Pelikánová, Boh., 319. Punko, Rus., 320. Ciach, Polujo, 321. Dro Naumenko, Rus., 322. frl. Wickelgren, Angl., 323. Popov Hr., Bulg., 324. Walther, Germ., 325. prof. Dro van Rees, Nederl., 326. Mareček, Mor., 327. Špinar, Mor., 328. Uhlmann, Germ., 329. Zajchowski, Galicio, 330. Godziński, Galicio, 331. Wiherlehto, Finl., 332. Vildomec, Mor., 333. Andreev, Bulg., 334. Jesudhasan, Indio, 335. Kostov, Bulg., 336. Marques, Portug., 337. frl. Tarozzi, Ital., 338. Bernardi, Ital., 339. frl. Gasperi, Ital., 340. frl. Nanni, Ital., 341. P. den Hollander, Nederl., 342. Jensen, Dan., 343. Polanskij, Rus., 344. Llarena, Hisp., 345. Barón, Franc., 346. frl. Blin, Franc., 347. frl. Bonnet, Franc.

## Adresaro por instruistoj.

Klarigo de signoj: **L** = lernejo, **I** = instruas, **NL** = kun kolegoj el nacio aŭ lando . . ., **K** = korespondas pri . . ., **D** = donas sciigon pri . . ., **Dez** = speciala deziro. Unu anonco por la membroj de I. A. I. senpage. Nemembroj alsendu 5 respond-kuponojn (por 5 linioj).

9. **Francujo.** SAINT-PAUL-aux-BOIS per Blèrancourt (Aisne). — *J. Bourniche* (franco edzigita je instruistino). **L**: Publika lernejo elementara. **NL**: Gekolegoj ĉiunaciaj. **K**: Pri kio ajn pri la popola instruado. **D**: Ricevi hejme dum ĉirkaŭ 15 tagoj gekolegon germanan, anglan, svisan, boheman, nederlandan aŭ italan. **Dez**: Pasigi kun mia edzino 2 semajnojn en Germanujo, Svisujo, Nederlando, Bohemujo aŭ Italujo.

10. **Germanujo.** CHEMNITZ, Annabgstr. 427. — *Oskar Melzer* (germano). **L**: Publika lernejo (8 klasoj). **NL**: Gekolegoj eksterlandaj. **K**: Religio, natura historio kaj lernejo. **D**: Pri rilatoj de mia patrujo.

11. **Rusujo Azia.** KIZIL-ARVAT, Zakaspijska. *Miĥail Beregavsky.* **L**: Popola lernejo kun 2 klasoj (5 fakoj). **NL**: Diverslandaj gekolegoj, precipe el Ameriko, Nova Zealando, Aŭstralio, Tasmanio, Afriko. **K**: Pri ĉiuj temoj, ĉefe pri popolinstruado, pri la naturo, moroj, socialismo kaj anarĥismo. **D**: Al tiuj, kiujn interesas Mezazio. Per interŝanĝo de ideoj kaj objektoj, kiuj interesas alilandajn gekolegojn, ekz. papilioj, skaraboj, ŝtonoj, ktp. **Dez**: Ekscii pri la perfektaj rimedoj de morala influo je la animo de lernantoj, por ke ili estu poste efektivaj homoj, sed ne sklavoj.

12. **Usono.** BOSTON (Mass.), Roxbury Latin School. — *Doktoro Lowell, D. O. S.* (anglo). **L**: Alta, klasika, dotita lernejo. **I**: La anglan kaj latinan lingvojn; antikvan historion. **NL**: Gekolegoj el ĉiuj fremdaj landoj. **K**: Pri io ajn, kio interesigas miajn korespondontojn.

13. **Galicio-Aŭstrio.** DLUGOŜYN, poŝto ŜĈAKOVA. — *Teodor Pisiewicz* (polo). **L**: Publika lernejo elementara. **NL**: Gekolegoj slavaj, francaj, oceaniaj kaj japanaj. **K**: Pri vivado de gekolegoj.

14. **Anglujo.** LEATHERHEAD (Surrey), 3, The Crescent. — *Charles W. Shanks* (anglo). **L**: Publika lernejo elementara (7 klasoj). **NL**: Kolegoj anglaj, francaj, germanaj, amerikaj. **K**: Pri muziko, lingvoj, geografio, scienco (elementara). **D**: Vizitantoj al suda Anglujo povas loĝi ĉe mi. **Dez**: Konatiĝi kun la metodoj kaj rimedoj de alilandaj instruistoj kaj alpreni la plej bonajn el ili.

15. **Moravio-Aŭstrio.** HULÍN. — *Hynek Hlobil* (ĉeĥo). **L**: Lernejo elementara. **NL**: Gekolegoj ĉiulandaj. **D**: Interŝanĝas skarabojn kaj papiliojn de centra Eŭropo por la samaj el aliaj partoj de la mondo.

16. **Belgujo.** ANTWERPEN, Cuylitsstr. 72. — *Johano Jacobs* (flandro). **L**: Publika lernejo elementara. **NL**: Gekolegoj ĉiulandaj. **K**: Pri aferoj lernejaj, precipe pri la organizado de la instruado kaj pri la movado de la instruistaro kaj la salajroj de instruistoj. **D**: Faciligi vojaĝon en Belgujo per utilaj informoj. **Dez**: Kolekti ilustr. poŝtkartojn de karakterizaj kostumoj, tipoj, metioj, ktp.

Redaktoro kaj eldonanto Theodor Čejka, Bystřice-Hostýn. — Presejo »Družstvo knihtiskárny«, Hranice, Moravio.

zetoj esperantaj, por kiuj helpa lingvo internacia estas ne nur rimedo, sed ankaŭ celo kaj ili certe volonte dediĉos al lingvaj demandoj kaj disputoj tiom da loko, kiom estos bezone. Nia revuo, do tute ne zorgos pri la demandoj helplingvaj, sed ĝi estos ĉiam gazeto profesia, redaktata en Esperanto.

*Th. Čejka.*

**„Telefono“ de la redakcio.** Kara kolego, vi certe miras, ke nur ĝis nun — post interrompo pli longa ol unu jaro — aperas la tria kajero de I. P. R., sed vi eble ne scias, kial tiuj kajeroj ne estas jam pli multenombraj. La ĉefa kaŭzo — krom kelkaj aliaj, kiuj estas en efektiveco ne tiel gravaj, ke ili povus malhelpi la prosperadon de I. P. R. — estas preskaŭ nekredebla indiferenteco de niaj kolegoj rilate kunlaboradon. Kaj tamen ĉiu ja scias, ke bona gazeto ne povas ekzisti sen bonaj kaj konstantaj kunlaborantoj. La 2 aperintaj kajeroj de I. P. R. estis akceptitaj ĉie kun granda entuziasmo kaj mi ricevis multe, tre multe da laŭdaj leteroj pri la enhavo, kiun oni trovis tre interesa... Sed ĉu tio ĉi sufiĉas por eldoni almenaŭ simile interesajn kajerojn ankaŭ estonte? Mi scias, ke laŭdoj estas bona rimedo por plifervorigi aŭ pligojigi la pluan laboradon, sed tiu rimedo estas tute senutila, se la redaktoro ne ricevas samtempe ankaŭ materialon por kajeroj venontaj. Por esti justa, mi devas konfesi, ke mi ricevis multe da promesoj pri alsendo de diversaj artikoloj por I. P. R. Sed ĉu mi povas kunmeti eĉ unu bonan kaj interesan numeron de la revuo el tiuj belaj kaj multaj promesoj? Vi scias, ke sur la tuta tero ekzistas eĉ ne unu redaktoro, kiu povus fari tion kaj vi certe scias, ke ankaŭ mi ne estas tia kapablulo . . Jes, mi eble povus kunmeti kelke da numeroj de nia revuo el diversaj sciigoj, kiujn mi legas en niaj gazetoj naciaj — sed ĉu internacia gazeto estus vere internacia, se ĝi estus redaktata „nacie“, t. e. nur de unu naciano? Ĉu ĝi estus vere interesa por la publiko internacia? Mi ne bezonas respondi ĉi tiun demandon Kion mi celas per tiuj ĉi plendoj? Mi bezonas vian kunhelpon kaj mi estas certa, ke vi ne rifuzos mian peton, kiun mi faras en la nomo de nia I. A. I. kaj I. P. R. — ne por mi mem, sed por nia komuna afero. — Se nia revuo havos almenaŭ 20 efektivajn kaj konstantajn kunlaborantojn el diversaj nacioj, kiuj anstataŭ promesoj sendos al la redaktoro 20 artikolojn, nia revuo povos aperadi regule kaj kun enhavo ĉiam interesa. — Por kunlabori en I. P. R. vi ne bezonas esti literaturisto aŭ »scienc-verkisto«, sufiĉas, se vi havas bonan volon elserĉi en viaj naciaj gazetoj pedagogiaj aŭ profesiaj (instruistaj) internacie interesan artikoleton, kiun vi bezonas nur simple esperantigi. Se vi trovos en via gazeto ankaŭ kelke da malgrandaj interesaj sciigoj aŭ statistikoj, aldonu ilin al via artikolo kaj vi faris por nia afero bonegan servon, por kiu dankos al vi multaj kolegoj en ĉiuj partoj de la mondo. Ekzemple, ĉu ne estus interese legi el ĉiuj landoj similajn artikoletojn, kiel estas artikoletoj »La instruado en Nederlando« aŭ »La instruisto en Danujo«? Sufiĉas nur imiti unu el tiuj artikoloj kaj aldoni, kio en via lando estas alia. Kiu sentas sin pli kapabla, verku memstare artikoleton pri la temo, kiu ŝajnas al li plej taŭga por nia revuo, kies programo estas jam bone videbla el kajeroj, kiuj

ĝis nun aperis. — La kvara kajero de I. P. R. eliros en septembro aŭ plej malfrue en oktobro kaj estos la lasta en la I. jarkolekto. — La duan jaron ni komencos tuj poste kaj se niaj membroj plenumos la malgrandan peton, kiun oni povos legi en la 4a kajero, la revuo aperados en la nova jaro pli ofte, t. e. dumonate kaj regule.

* * *

**La kotizaĵon sendu al la kasisto** (Th. Čejka, Bystřice-Hostýn, Moravio, Aŭstrio) aŭ per 10 poŝtaj »respond-kuponoj« (Coupon-Réponse International), kiuj estas riceveblaj en ĉiu poŝtoficejo (sed ĉiu kupono devas esti stampita per poŝta stampilo, ĉar alie la kupono estas senvalora!) aŭ per poŝta mandato. Se oni skribas la sumon sur la poŝta mandato, oni skribu ĉiam tiel: **2 K 50 h** (en aŭstriaj kronoj, ĉar alie la kastisto ricevas diversajn sumojn, kiuj estas plej ofte pli malgrandaj ol 1 Sm kaj la preciza kalkulado estas neebla).

# Bibliografio.

La redakcio ricevis la sekvantajn librojn (la nericevitajn librojn oni ne povas anonci): **Emile Boirac**: Plena Vortaro Esperanto-Esperanta kaj Esperanto-Franca. 2 volumoj, 344 pĝ., granda formato, 9 frankoj, Presejo Darantiere, Dijon. — **V. A. Jung**: Mluvnice jazyka anglického pro školy a samouky. 349 pĝ., granda formato, 6·10 K. Librejo Hejda & Tuček, Praha. — **Dr. J. Kvačala**: Protestantische gelehrte Polemik gegen Campanella vor seiner Haftentlassung. Jurjev 1909, I Mk. Analecta Comeniana. Collegit Joannes Kvačala. Jurievi 1909, 5 Mk. Prielomy vo viere Komenského a Mickiewicza. Petrohrad, 4 Mk. **René de Saussure**: La geometrio de »folietoj« aŭ Geometrio folietara. 71 pĝ., Ĝenevo 1909, 1·00 Sm. Presejo Alb. Kündig. — **M. R. Bricard**: Sur la géométrie des feuillets de M. René de Saussure. Étude analytique. Extrait des »Nouvelles Annales de Mathématiques, 1910. — **Santiago Rusiñol**: Folioj de la Vivo. Trad. Alf. Sabadell, Barcelona (J. Espasa é Hijos), 1909, 106 pĝ., 1 peseta. — **F. Burnettová**: Malá miss. Librejo Hejda & Tuček, Praha. — **Prof. Lederer**: Esperantista poŝkalendaro 1910, Berlin (Esper. Verlag Möller et Borel), 0·80 Mk. — **Th. Dr. Fr. Loskot**: Konrad Waldhauser. Praha (Volná Myšlenka), 1909, 1·50 K, — **Edm. Privat**: Ĉe l'koro de Eŭropo. Ĝenevo (Eldonejo Atar), 1909. — **K. Bláha**: Všeobecné dějiny stenografie, Praha (Čes. lidové knihkupectví), 1909, 1·20 K. — **Carmen Sylva**: La vizio de la Poeto. London (Centra Angla Esperantejo), 1909. — **St. Tomič**: La vojo al vero. Paris 1910 (Presa Esper. Societo), 1 fr. — **Dro Corret**: Raporto pri la 5-a kongreso de Esper., Paris (Presa Esper. Societo), 0·75 fr. — **Török P.**: Porĉiama kalendaro. Debreczen, 1910, 20 Sd. — **T. E. K. A. - Jarlibro 1910**, Koetzschenbroda-Dresden (H. F. A. Thalwitzer), 0·4 Sm. — **J. Poruks**: La Vakciniuja Krono, Paris (Presa Esper. Societo), 0·50 fr. — **Edwin Greene**: Sing me to sleep, London (Phillips et Page), Esperanta eldono.